# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 20/06/2015 Ducent dudekdua eldono 20/06/2015** SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# 75. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## La Korelativoj. C.



La kvin "ie, k.t.p." adverbaj pronomoj indikas lokon: "Tie mi restos 5 tagojn". La kvin "iam, k.t.p." adverbaj pronomoj indikas tempon: "Mi neniam legas tiun ĵurnalon". La kvin "ial, k.t.p." adverbaj pronomoj indikas rezonon pri motivo: "Kial ci retrovenis?". La kvin "iel, k.t.p." adverbaj pronomoj indikas manieron: "Iel (in a way) mi devas fuĝi". La kvin "iom, k.t.p." indikas kvanton: "'Ĉiom (all) da pacienco bezoniĝas nun".

Notu ke la "o" de "io, k.t.p." kaj la "a" de "ia, k.t.p." kaj la "e" de "ie, k.t.p." estas gramatike nur hazarde, kvankam intence, similaj al kategorifinaĵoj, sed ne estas, ĉar tiuj pronomoj estas nespliteblaj; tiuj literoj nur donas la signifojn de la pronomoj.

Sekvota. Marcel Leereveld.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2015-06-11 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (11/06/2015) ĉeestis:
Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor kaj – parte – Ilia

La ĉefa tagordpunkto estis nia

*** VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO) 23 – 28 Marto 2016**

La proponita flugfolio estas preta.

Post la malakcepto de nia invito de Jasuo (li tamen intencas veni!), ni invitis Ŝlosilon (**Lee Jung-kee**) el Koreio. Kaj li entuziasme akceptis.

Intertempe muzikisto **Jonny M** el Germanio ankaŭ akceptis nian inviton kaj venos al Bandung.

Ni renkontos ambaŭ dum la UK en Lille por klarigi multajn detalojn.

Ni komencis esplori la diversajn programerojn….. Bv kontribui, se vi havas ideo(j)n.

*** ESK**
Preskaŭ preta. Baldaŭ estos en viaj poŝtkestoj.

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 2-an de julio 2015, je la 19:00 (18:30)

(Poste 3/9, 10/9, 24/9, 8/10, 22/10, 5/11,19/11, 3/12, 17/12)

# Esperanto-Klubo de Centra Marbordo (NSK)



Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

Kutime ĉe The Sanctuary Cafe, Erina Heights
414 Central Coast Hwy, Erina Heights NSW 2260

★★★★

Dimanĉon, la 14-an de junio, okazis kunveno ĉe Sanctuary Cafe, Erina Heights. Ni unue kunlaboris je malneta gazetara komuniko de Jonathan, pri Esperanto kaj la venonta UK.
Poste, ni diskutis celojn kaj strategiojn de la Sidneja Lingva Festivalo.
Ni ankaŭ babilis pri kelkaj diversaj temoj.
Ĉeestis Joanne Cho, Gerry Phelan, Dmitry Lushnikov, Steven Garamy kaj Jonathan Cooper.
*Raportis Jonathan Cooper*

# 3ZZZ Melburno

# Eĥo de 3ZZZ





Aŭskultantoj de la radio 3ZZZ en Esperanto.

Se vi taksas grava la problemojn de energio en Aŭstralio kaj en la mondo, aŭskultu la intervjuon de Guy Martin pri transiro al aliaj fontoj de energio, kiu estis elsendita en la radio 3ZZZ en Esperanto lundon la 15an de julio 2015.

Ĝi aŭdeblas en la retejo de 3ZZZ ĝis la 22a de junio 2015 www.3ZZZ.com.au . Eblas aŭskulti ankaŭ en la arkivejo www.esperanto.com.au

La kunvokanto de la radio programo en Esperanto en 3ZZZ
Franciska Toubale

★★★★

Pasintan sabaton okazis la jarkunveno de Radio 3ZZZ en Melburno. Ne estis kvorumo sed la kunveno progresis glate. La financaj rimedoj sufiĉas por 2015, dank' al bonkoraj donacintoj por Radiotono , sed vere mankas membroj. Nuntempe la aŭskultantoj tro ofte sin servas senpage per poŝtelefono sen konsideri la bezonojn de la Radio-programo.




Danke al Svetislav Kanacki, la fondinto, la programo elsendatas ĉiusemajne dum 26 jaroj sen halti, sed ne sen kostoj. Por konservi la unu horan radioprogramon por Esperanto, la konsilantaro de Radio 3ZZZ atendas pli ol $1000 por Radiotono kolektita de ne nur membroj, tamen oni supozas ke la membroj respondecos pri kolektado de la mono.

Ĉi-jare ekzistas nur 36 membroj pagintaj, kaj oni imagas ke se la nombro ne kreskos, aliaj lingvogrupoj kiuj deziras pli da tempo, plendos al la konsilantaro. Tiel, se vi povas, mi petas vin membriĝu. Aliĝilo troviĝas ĉe la retejo : Melburna Esperanto Asocio/Radio 3ZZZ/membership.
Jennifer Bishop

---

http://www.economist.com/blogs/prospero/2013/09/esperanto-0

# Kritika sed bona artikolo

The Economist

En la Angla. trovis Roger S.



# La Angla




https://en.wikipedia.org/wiki/List_of_countries_by_English-speaking_population#/media/File:Anglospeak-percentage-knowledge.svg

trovis Roger S.

# Esperanto



**Pasporta servo** https://upload.wikimedia.org/wikipedia/commons/8/84/Pasporta-servo.jpg



# La Melburna Esperanto-klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"La Melburna Esperanto-klubo bonvenigis du novajn membrojn pasintan lundon, Dale kaj James. La aliaj ĉeestantoj estis Marcel, Jennifer, Peter Lim, Heather, Ken kaj Peter kaj Joanne Johns.



James kiu komencis lerni Esperanton antaŭ 2 semajnoj, jam bone parolas la lingvon!
Heather Heldzingen"











## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

# Novaj Gastoj

Koran dankon pro via afabla informo pri la E-domo.
Mi estas CHO Myung-ja, kaj la kromnomo estas Ĝoja. Ankaŭ mia edzo estas esperantisto, kaj nomiĝas JEON Dae-bong (simple Bong sufiĉas por alilandanoj)
Mi, mia edzo kaj mia filo 31-jaraĝa (do 1 virino kaj 2 viroj) kune vizitos la urbon Sidnejo.
Ni alvenos en Sidnejo je la 07:20 matene la 3an de aŭgusto, frumatene la 6an ni flugos al Gold Coast kaj ne revenos al Sidnejo. Ni reflugos al Koreio de Brisbane en la 9a de aŭgusto.
Laŭ mia filo, ni vojaĝos en Sidnejo en la 3a kaj la 4a, kaj vizitos 'Blue Mountains'-n en la 5a pere de vojaĝoagentejo.
Sincere Ĝoja el Koreio.

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

| | Milita Kosto Kiel % GDP | Malliberuloj, el 100,000 Loĝantoj | Murdoj dum 2012 | Aktivaj Militistoj el 1000 homoj | Ekmilitigis dum la lastaj 20 jaroj | Militaj viktimoj |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **USONO** | 3.8% | 707 | 4.7% | 4.7 | 4 | 1,472,350 |
| **Rusujo** | 4.2% | 470 | 9.2% | 5.2 | 5 | 84.071 |
| **Ĉinujo** | 2.1% | 172 | 1% | 1.7 | 0 | 0 |
| **Irano** | 2.1% | 284 | 3.9% | 6.5 | 1 | 937 |

Mi ne scias la metodon kiun oni uzis por kolekti tiujn statistikojn. Eble ili estas fuŝaj. Mi ne vere scias kion ili signifas. Tamen ili estas pensigemaj. Roger Springer